Año XIV N.° 3 (133) JUNIO-JULIO 1962

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



Valladolid.—La Katedralo.

**BOLETIN**
**DE LA**
**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura

Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN
Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.
Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.
Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.
Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.
Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.
La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.

Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortoj aŭ frakcio.
Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:
Oficialaj aferoj devas esti adresataj al:
**Federación Española de Esperanto**
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

Originalojn, solvojn de enigmoj, sugestojn por **Boletín**, k. t. p., adresu al:
S-ro Angel Pérez Saura **(por Boletín)**
Str. V. Sancho-Tello, 24, b. d., Valencia (Hispan.)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem Tarín
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)
(Klarigante la destinon de la sendita mono: por HEF, por **Libroservo**, por **Boletín**, por io alia).

Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)
Str. Arce, 8, 2-°, 4.ª, Cornellá (Barcelona) (Hisp.)
Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.

## NUESTROS SOCIOS PROTECTORES EN 1962

**(En esta lista no incluiremos a los que reciban dos ejemplares del Boletín.)**

D. José Ezquerra, Barcelona
D. José Hutesá, Sabadell
D. José Perogordo, Madrid (†)
D. Justo Estañ, Granada
D. Mariano Solá, Tarrasa
D. Antonio Gamboa, Valladolid

Lista de Abril y Mayo

# Kongresa Organiza Komitato de la XXIIIª Hispana Kongreso de Esperanto, en Valladolid



S-ro Basílides Sanz, prezidanto
» José Sastre, Vicprezidanto
» Mariano Cantalapiedra, sekretario
» Rafael Sánchez, kasisto-kontisto
» Zoilo Caminero, voĉdonanto
» J. M.ª Alonso Buenaposada, voĉdon.
F-no Clementina Tranque, voĉdonantino
» Carmen Conde, voĉdonantino
» Natividad Lovingos, voĉdonantino
S-ro Gonzalo Castañón, voĉdonanto
» Antonio Castañón »
» Antonio Díez Gómez »
» Francisco Morayo »
» Antonio Gamboa »
» Fabriciano Bermejo »
» Nestor Centeno »
» Jacinto Urueña »
» Nilo del Olmo »
» José de la Palma »

*Ĉi tiuj gesinjoroj konsistigas la plenan Komitaton. La Konstanta Komisiono (Plenkomitato) konsistos el ĉiuj, kiuj povas ĉeesti almenaŭ po unu tago semajne la kunsidojn.*

*El ĉiuj voĉdonantoj (ankaŭ voĉdonantinoj, se necese) devas esti elektitaj la Prezidantoj de la diversaj Komisionoj: Loĝado, Propagando, de kongresanoj, Organizado pri Kulturaj aktoj, Ekskursoj, Helpo al la Sekretario, k. t. p.*

# URĜA KAJ GRAVA ALVOKO

La Organiza Komitato de la Kongreso en Valladolid troviĝas en malfacila kaj malagraba situacio. Ĝi penis kaj strebis dum unu jaro por organizi brilan kongreson, kaj la tuta Aŭtoritatularo esperas ke centoj de kongresanoj—ĉu landaj, ĉu eksterlandaj—plenigos la urbon kaj ĉeestos la oficialajn kunvenojn, por kiuj ili disponigis la plej belajn salonojn kaj promesis sian ĉeeston. Plie, ili helpos kaj financos plurajn programerojn.

Laŭŝajne, la hispana esperantistaro ne respondis, ĝio nun, al tiuj penoj kaj streboj de la Organiza Komitato, kaj tio minacas endanĝerigi ĝin antaŭ la juĝo kaj konsidero de la Autoritatuloj. Esperanto riskas esti konsiderata kiel bagatelaĵon aŭ kiel manion por... manpleno de stranguloj!

La afero estas grava. Ni ne povas lasi O.K-n en malagrabla situo antaŭ la valladolidaj gravuloj, kaj ni ne devas permesi ke Esperanto, nia kara afero, restu en ridinda konsidero de aliuloj!

Do, samideanoj, mi laŭtas por peti ke vi ĉiuj faru vian plejeblon por ĉeesti la kongreson. Ĉefe, tiuj, kiuj, pro la proksimeco, havos oportunon por veturi tien, devas tuj aliĝi:

Madrido, Santander, Asturio, Baskonio, Galegio kaj, eĉ, Zaragozo, estas pli devigataj, ĉar, por ili, la ofero—de tempo kaj mono—estos malpli peniga.

La Federacio, pere de Bulteno, tre klare prezentis al ĉiuj la allogaĵon de la urbo kaj de la regiono, kaj, ne malpli, la intereson de la kongreso kaj la esperon de la urbaj gravuloj. Estus hontige por ni ke la kongreso estu maldensa kaj malbrila. Neniu samideano devas esperi ke aliaj iru kaj solvu la aferon. Ne! Vi, vi ĉiuj devas pensi ke vi mem povas endanĝerigi nian kongreson, per via malĉeesto!

Mi esperas ke vi ĉiuj rapidos kaj aliĝos tuj! Ne lasu ke, pro via kulpo, nia afero falu en ridindan truon!

Via ĉeesto devas esti la plej forta garantio de via seriozeco kaj de esperantemo. Ĉu vi helpos la kongreson kaj tiel helpos... vin?

Via, altestime:

*LA PREZIDANTO de H. E. F.*

# ESPERANTO EN LA — HOTELOJN!

*Post la lernejoj, kien? La estonta generacio, ekipita per Esperanto dank' al la longe sopirata enkonduko de la lingvo en la lernejprogramoj, deziros tuj trovi terenon por eluzi sian scipovon. Fremdaj lingvoj uziĝas inter fremduloj; por renkonti plej facile fremdulojn, oni devas vojaĝi; dum vojaĝado, oni tranoktas. Jen do nia tereno—la hoteloj.*

*Unu el la lokoj, kie tuj sentiĝas la ĝeno de lingva nescio, kie do tuj sentiĝas sin la avantaĝo de komuna lingvo, estas la hotelo. Tien oni kutime iras tuj post alveno en la landon, ofte laca post la vojaĝo kaj iufoje trafanta en ian malfacilaĵon rilate ĉambron aŭ pasporton. Tie la vojaĝanto sentas senŝarĝiĝon, kiam la deĵoranto montras sin kapabla eĉ nur balbuti ion en lia lingvo. Sed deĵorantoj ne povas esti poliglotoj; kaj estas humilige por ambaŭ kiam ili devas utiligi la lingvon de tria nacio. Estus granda akiraĵo por la turismo, tiel por la gasto kiel por la gastiganto, se Esperanto fariĝus la normala lingvo de la vojaĝanto.*

*Ne temas nur pri tio, ke en ĉiu hotelo estu unu deĵoranto scipovanta Esperanton. Tio ja estus multo; sed se la hotelestroj agnoskus ĝis tia grado Esperanton, la logiko mem postulus, ke ili etendu la uzadon de la lingvo tra la tutan hotelan organizaĵon, t. e. ke ili uzu ĝin en avizoj, menuoj, kaj ĉiuspecaj indikiloj.*

*Ĉi tiu revo estas, en almenaŭ unu kazo, realaĵo. En Aŭgusto pasintjare, volante konsoli min pro neĉeesto en la U. K. en Harrogate, kaj memorante paĝon 313 de Jarlibro, mi vizitis la pitoreskan urbeton Cervia* (pron. *Ĉervja) sur la adriatika marbordo, kie mi somerumis. Mi ankoraŭ ne estis atinginta mian celon, la «Pensiono Restoracio Esperanto» (Viale dei Mille, 70), kiam voĉo salutis min en la internacia lingvo. (La insigno!). Mi turniĝis, kaj jen kvar Esperantistoj—francaj kaj germanaj geedzoj—gastoj ĝuste en tiu pensiono. Ni reiris kune; kaj tie mi konstatis, ke la nomo «Esperanto» estas meritita: la lingvo estas ĉie antaŭ la okuloj— sur la menuoj, sur la pordoj* (banĉambro, tualetejo *ktp.), sur la aviztabulo. S-ro Giuseppe Melandri, posedanto kaj estro, kredas je Esperanto, kaj tradukas tiun fidon en la praktikon. Mi aldonu, ke la uzo de Esperanto estas nur unu el la allogaĵoj de ĉi tiu bela, nova hotelo, ĉar oni ankaŭ manĝas bone tie kaj dormas trankvile.*

*Kion povas fari la unuopulo, por ke tia situacio estu normalaĵo? Necesas ja planita kampanjo, kiel ĉe la lernejoj; dume, oni povas konsciigi hotelestrojn pri Esperanto kaj ĝia utileco ĉiam demandante ĉe alveno, «Ĉu vi parolas Esperanton?» Estas tempo, ke nescio de Esperanto estu hontiga;*

**Redaktoro.**

El «British Esperantist».—Aprilo, 1962

---

## MOYÁ, KURSO-FINA FESTO

La 19-an de majo, vespere, okazis ĉe nia Grupo, simpatia festo por solene fermi la du Esperantajn Kursojn kiuj sukcese funkciis dum la pasinta vintro.

La ĉefa parto de la festo estis prezentado de interesa kolekto de koloraj diapozitivoj pri la Kastelo GRESILLON—kultur domo de la francaj esperantistoj—, per kiuj la ĉeestintoj konis la ĉirkaŭaĵojn de la fama kastelo kaj ankaŭ la internan funkciadon de la esperantaj aranĝoj.

Ĉeestis preskaŭ 50 gemembroj.

**Pasintan** dimanĉon, la 27-an de majo, multenombra reprezentantaro de nia Grupo partoprenis en Sabadell la unuan HEJS renkontiĝon. Nome de niaj gejunuloj salutis la ĉeestantaron, samideano Albert Parareda.

## Ante el XXIII Congreso Español de Esperanto

# A TODOS LOS ESPERANTISTAS

*Se va acercando la fecha de celebración de nuestro XXIII Congreso Español de Esperanto. Valladolid, que ha tenido el honor de ser elegida para sede de este Congreso, se dispone a recibir a los esperantistas, tanto españoles como extranjeros y ofrecerles un clima de auténtica hermandad, en una cadena de actos culturales y recreativos que han de proporcionar a cuantos la visiten unos días de inefables goces para el espíritu y una magnífica oportunidad para la práctica de la lengua internacional.*

*Todos los años, nuestros Congresos se celebran en ciudades de distintas regiones, en medio de los más variados paisajes; cada ciudad muestra a los visitantes sus bellezas peculiares: playas, montes, progreso urbanístico, monumentos, ttpismo regional. Unas veces los ecos de nuestras reuniones se extienden por la inmensidad del mar, otras ascienden a las cumbres de los montes, otras ha de cabalgar sobre palmeras y naranjos. Este año, los dulces acentos del Esperanto resonarán entre vastos campos de pinares y viñedos, y sobre llanuras de inmensos trigales, que por el mes mes de Julio se ofrecerán a nuestros ojos, no verdes, como signo de la esperanza de una buena cosecha, sino ya en vísperas de entregar su fruto a los hombres; campos amarillos, salpicados de las manchas rojas de las amapolas, formando todo ello un bello conjunto, símbolo de lo español, por los que resonarán las notas alegres de las canciones y las danzas del folklore vallisoletano.*

*Valladolid, pues, os ofrece todo cuanto atesora: su hidalguía, sus monumentos, pregoneros de hechos trascendentales de la Historia de España y ejemplares valiosos del arte arquitectónico, y su Museo Nacional de Escultura, mundialmente famosos, en donde podréis contemplar la madera de sus pinos convertida en vida y expresión por el genio creador de sus escultores de siglos pasados, que atrae a millares de turistas extranjeros todos los años sólo por contemplarlo. Pero Valladolid no es sólo una ciudad plena de recuerdos históricos, sino que ofrece contrastes fuertes cuando al lado de las emociones estéticas que proporcionan sus monumentos puede gozarse de amplias y modernas calles, bellos y bien cuidados jardines y paseos y suntuosos edificios modernos.*

*Aprestaos, pues, a venir a Valladolid a tomar parte en este XXIII Congreso Nacional, a disfrutar de unos días felices, a la vez que laborar en pro de la lengua intern cional y mejorar y ampliar nuestra organización, para hacerla más eficiente y vasta. Pero no dejéis para los últimos días vuestra adhesión, porque ello puede entorpecer la buena organización de los actos.*

*En este Congreso deberán adoptarse importantes acuerdos para el porvenir del Esperanto. Acudid en masa!*

*Valladolid os espera a todos!*

X.

---

# ATAITISMO, U. E. A. KAJ NI

De longaj jaroj—de la tempoj de Zamenhof, mem—la problemo pri la uzo de participoj polemikigis, ne la uzantojn de la lingvo, sed la ligvistojn, literaturistojn kaj, ĉefe ...la polemikistojn!

La afero trenis, trenadis, kaj ne okazis sangoversado. Multe pli akriĝis la aferoj ujo-io, la senĉapeligo de literoj, kaj multaj aliaj diferencoj en la uzo de la lingvo. La Akademio, per konstanta kaj admirinda silento tute ne solvis tiujn aferojn; ankaŭ ne tiun ĉi! Sendube. niaj «nemorteblaj» pensas ke meniu el tiuj aferoj povas endanĝerigi la forton nek la unuecon de nia lingvo, kaj ili opinias ke atistoj kaj itistoj povas riĉigi nian literaturon per siaj malsamnuancaj elskribaĵoj. Multaj konsciaj esperantistoj opinias tute same. Sed ne aliaj, kiuj disŝiris siajn vestaĵojn kaj laŭtkriis: «Perfidon! Skimson!», k. t. p., k. t. p...

Kaj, jen; ĉar la Akademio, laŭŝajne, tute ne akordiĝas pri ia decido, U. E. A. decidis akademii kaj, sur la lasta numero de «Esperanto» ĝi atentigas ke ĝi nur uzos la Zamenhofan Esperanton, tiel kiel D-ro Zamenhof difinis ĝin en la Gramatiko kaj Ekzercaro de la Fundamento. Aliaj naciaj organizoj iras pluen kaj kelkaj elstaruloj sin ekskomunikas reciproke...

Batalo de nigruloj en profundo de tunelo:

Ni kuraĝas opinii ke, kvankam la lingvo estas la bazo de nia komunumo, la unueco estas la premiso de nia ekzistorajto, kaj ke, anstataŭ traserĉi motivojn por estarigi landlimojn ni devas peni por stompi ilin, ĉefe en afero kiu, en la estonto, ridetigos ĉiujn! La afero ata-ita estas cerbumo por.., kronometristoj! Do, nia Federacio, ĝis okazo de Ĝenerala Kunsido, rapidas eldoni sian decidon pri la gullivera afero:

1º Obeo al la Zamenhofaj lingvouzo kaj normoj.

2º Rekomendo al siaj membroj por ĉesigo de ĉia polemiko.

3.º Ĝis kiam la Akademio solvos la aferojn—eble «ad kalendas graekas»—ne plu starigi tiajn problemojn inter ni. Veraj problemoj prezentiĝas, ja, memvole!

**Proprariske: La Prezidanto de H. E. F.**

## NI FUNEBRAS!

Antaŭ multaj jaroj—en la Zamenhofaj—simpatia hispana samideano ĉeestis, kutime, la internaciajn kongresojn. Eĉ, en la Antwerpena (1911) li surmetis al D-ro Zamenhof la Grandan Kolringon de «Isabel la Católica», plej alta Akademia rekompenco, laŭ persona deziro de la tiama hispana reĝo Alfonso la XIIIª, kiu tre favore konsideris Esperanton.

Tiu meritoplena samideano, tiam inĝeniera kapitano, José PEROGORDO, daŭre laboris por nia afero kaj, post multaj jaroj, li fariĝis general pri Aviadilarmeo, el kies specialaĵo li estis heroa pioniro.

Ĝis la lastaj jaroj li helpis nian orĝanizon, kaj, spite de multaj malfacilaĵoĵ, li sukcesis helpi kaj, eĉ, ebligi. per sia persona prestiĝo kaj influo, la restarigon de nia movado, post nia civilmilito, kaj la realigadon de la unua postmilita kongreso—Tarrasa, 1961.

Li jus estingiĝis en Madrido, pli ol 90-jara, korpe elĉerpita, sed, mense vigla. Antaŭ mallonge li senkulpigis sin antaŭ mia persona konsidero, pro fizika maleblo por helpi pli aktive nian aferon!

Nun, li jam forflugis alten, en helajn kaj sumbrilajn regionojn, kien li de longe sopiris kaj kien iros ankaŭ, en daŭra akompano, niajn karajn rememorojn! Ke lia animo ripozu pace!

**R. H.**

# STAFETO 10 jara

*La 31. V. 62 la Radio de Prago dissendis la jenan triminutan paroladeton de D-ro Tomás Pumpr. Kiel omaĝon al nia eldonejo kaj al la laboro de nia membro J. Régulo Pérez, ni havas la plezuron ĝin konigi al niaj legantoj.*

Kara amiko aŭskultanto:

Ĉu vi havis en la manoj iun el la lastatempaj libroj aperintaj en la eldonejo ESTAFETO?

Antaŭ ne plenaj dek jaroj tiu plej aktiva eldonejo en Esperantujo komencis sian aktivecon tre modeste, sed, esperinde, per originala poemaro de kvar skotaj poetoj sub la titolo *Kvaropo*. La fondinto kaj eldonisto de ESTAFETO, Juan Régulo Pérez, nun profesoro de universitato en La Laguna, sur Kanariaj Insuloj, transprenis la torĉon de la jam historie fama Literatura Mondo en Budapest. La entrepreno ŝajnis riska kaj ĝiaj ŝancoj dubeblaj. Tamen STAFETO persistis kaj sukcese superis nemalgrandajn malfacilaĵojn.

Se ni nun rigardas refaldon de la plej freŝa eldonaĵo de ESTAFETO, ni legas liston de jam tridek aperintaj titoloj kun pli ol ses mil kvincent paĝoj da teksto. Kaj aliaj ses libroj ĝuste nun troviĝas sub preso.

Pri kio temas tiu abunda rikolto de literaturo?

Ĝi disfalas en kvar seriojn.

La serio **belliteratura** estas la plej ampleksa. Ĝi enhavas originalajn kaj tradukitajn poemojn, novelojn, dramojn, romanojn.

La dua serio **popularscienca**, entenas, ĝisnun, tri librojn: pri botaniko, geografio, speleologio.

En la tria serio, **Movado**, aperis du verkoj lingvosciencaj.

La kvara eldonserio, **Beletraj - Kajeroj**, ampleksas plejparte originalajn verkojn de esperantaj poetoj, inter ili kelkaj debutantoj, al kiuj la eldonisto donis la ŝancon pruvi sian talenton antaŭ la internacia publiko,

Kaj la pluaj eldonplanoj: Ili estas riĉaj. Ni legas pri pretigo de pliaj dek volumoj diverstemaj.

La eldonagado de ESTAFETO estas impona. La kvalito de la aperintaj verkoj estas eminenta. La lingvo estas ali-nivela.

Kia estas la tasko de la esperanta publiko? Kara aŭskultanto, respondu mem.

**D-ro. Tomás PUMPR**

---

# MALFERMITA LETERO

S-ro Redaktoro de *Boletin*.

Estimata Samideano:

Mi ĝoje profitas la okazon kiun nia Bulteno donas al ĉiuj gehefanoj por proponi ion, kie eble estas realigebla, realiginda aŭ realigenda.

La franca geesperantistaro jen havas sian faman Kastelon de Gresillon kien la geesperantistoj, ne nur francaj sed ankaŭ ĉiulandaj, povas vojaĝi por ĝui agrablajn libertempojn.

Ni, hispanaj geesperantistoj, ne ankoraŭ havas tian kastelon aŭ somerrestadejon, kaj, eble, neniam ĝin povos havi, pro la eteco de niaj ekonomiaj rimedoj kaj ankaŭ, ĉefe, pro nia ĉiama malforteco.

Tamen, mi proponas hodiaŭ ion kion mi opinias estas eble efektivigebla, kaj efektiviginda pro la aelativa malgrandeco de la financaj rimedoj uzotaj kaj mi submetas mian proponon antaŭ la okuloj de la hispanaj esperantistaj gejunuloj.

Ĉu oni ne povus aĉeti, aŭ, lui, en malkaraj kondiĉoj, terpecon por ekstarigi modestan konstruaĵon (rememoru pri la montodomo «ESPERANTO», en Bulgarujo) aŭ eĉ nur konstantan internacian tendumejon?

Ŝajnas al mi ke la plej taŭga regiono en nia lando estus Katalunujo aŭ, eble, ankaŭ, la valencia regiono, ne nur pro tio ke en tiuj regionoj ekzistas la plej granda nombro de geesperantistoj, ĉefe junaj geesperantistoj, sed ankaŭ pro tio ke en tiuj regionoj, preskaŭ ĉiam varma aŭ varmeta... kaj la lazura Mediterranea Maro, ĉiam estas pri milda, kvieta kaj sendanĝera ol tiu de la nordaj, atlantikaj aŭ sudatlantikaj regionoj.

Kion pensas pri tiu ĉi propono la junaj catalunaj, valenciaj... aŭ balearaj gesamideanoj? Nun alvenas ilia parolvico pri la proponita libertempejo.

**L. de O. - Bilbao**




**LA BELAN PACON,** de Senzi Yamaguti. Trad. Ter. Isiguro. Dua eldono. Ĝaŭda Rondo, Sugamo 7-1662, Tosimaku, Tokio, 1959.

Tiu ĉi 31-paĝa verketo temas pri la eksplodoj de atombomboj sur Hirosima kaj Nagasaki, en Aŭgusto de 1945. Eksplodoj kiuj mortigis tuj 333.000 homojn kaj vundis 235.000. El tiuj vunditoj, 88'7 °/₀ mortis antaŭ la 10ᵃ tago post la malhumana monstra eksperimento kaj, krome, de tiuj, kiuj estis kelkajn kilometrojn for de la eksplodcentro, la radioaktiveco forprenadis la vivon unuj post la aliaj, eĉ multajn jarojn poste de la du fatalaj tagoj.

S-ro Senzi Yamaguti kortuŝe verkis siajn traviaĵojn, kaj sciante ke li estis komdamnita al nepra morto, li forgesis tion por sin dediĉi al konsolo de siaj malfeliĉaj samsortanoj kaj ankaŭ labori por veki la publikan opinion de la homaro kontraŭ la produktado, eksperimentoj kaj konservo de ĉiaj nukleaj armiloj.

Samideano Mioko Adati, en la antaŭparolo al la bela esperanta traduko de Ter. Isiguro, petas estu tradukata «La belan pacon» en ĉiun nacian lingvon, por ke ĝi estu legata de ĉiuj homoj en ĉiuj landoj, kio estos unu paŝo al la fina celo de ĉiu konscia esperantisto: la paco.

J. DEVIS

---

**KARPETOJ TRANSSALTIS LA DRAKPORDON.** Libreto 32 p. 21 x 18 cm. kun multkoloraj belegaj bildoj en ĉiu paĝo, eldonita de Ĉina Esperanto-Ligo, P. O. Kesto 77, PEKINO, Ĉinio.

Infanlibreto alvenis tute nepripensite, kaj multe ĝojigis min. Mi rajtas esti infano kaj amuziĝi per la ĉarmaj bildoj, kaj per la mildega feliĉa rakonto pri kvin karpetoj kiuj multe naĝis, senbrue, foje kontraŭ la fluo, unue en trankvila rivereto, poste en rapida torento, finfine en granda rivero, serĉis, demandis, evitis la barojn de la vojo, restis timigitaj de lokomotivo kaj trajno, ĝis finfine ili trovis la grandegan drakpordon, kaj preskaŭ nekredeble ili transsaltis ĝin kaj trovis... Oh, paradiza artfarita lago, tio estas preskaŭ la ĉielo! La hirundo helpis ilin kaj transdonis salutojn al la avino.

Neniu malamo, neniu venĝo, neniu malbonulo; estas bonaj kvalitoj por infana rakonto, senkompare multe pli bona ol tiuj de la t. n. filmoj por infanoj. Aĉetu ĝin, kaj certe vi ne eraros!

E. G.

---

# Restas vund'...

**De I. Schoon**

*Haarlem (Nederlando)*

Vivis mi dum kelka tempo
En revita paradiz'...
Dum vespero en printempo
Ĝis kor' pro amsurpriz'...
Naĝis en feliĉ'—laguno
Naivula bonanim'
Menson resanigis luno:
Simfonia pantomim'!

Efemeris la kunesto
Per diabla temporab'...
Venis fino al la festo:
Por feliĉo... mortofrap'!
Sonis adiaŭaj la vortoj;
(Ne silabo pri revid'!)
Ruiniĝis pro perfortoj;
For feliĉ'! Revpiramid'!

Superjar-privilegio (1)
Vokis ja al rendevu...
Mutis mi ĉe l'entombigo
De l'naskota amoĝu'...
Sed, enkore pli ol riĉa:
Ja pli bone «morta am'»,
Ol neniam kor'dediĉa!!
Restas vund'... sed... kun balzam'!

(1) En Nederlando dum superjaro la knabinoj «rajtas» peti knabojn...

# C A M P I N G

## UNUA OFICALA INTERNACIA TENDUMEJO APUD BILBAO

*Tendumi estas, sendube, agrabla afero. En Hispanujo, tamen, la tendumado ne estas, ĝis nun, ordinara kutimo sed, iom post iom, ni eniras, malgraŭ certaj malhelpoj, en la eŭropajn kutimojn kaj sportojn.*

*Ekde la 15ª de proksima junio ekfunkcios, apud la strando «LA ARENA» en la vilaĝo SOMORROSTRO, je 17 km. de la provinca ĉefurbo BILBAO, internacia tendumejo. Ĝia oficiala inaŭguro, tamen, okazos nur dum printempo 1963ª, kiam ĝi estos jam plibonigata kaj pliampleksigata. Tiu-ĉi kampadejo estas lokigata je 150 m. de la Kantabra marbordo kaj tuj apud la ŝoseo.*

*Nun, ĝi havas amplekson nur por 35 tendoj, sed, nuntempe oni aranĝas la terenon por pliampleksigi la areon, tiamaniere ke ĝi povu enhavi ĝis 150 tendojn. Ĉiu tendo disponas je spaco de 100 m² kun propra areo por parki veturilojn. Nune la areo ampleksas nur 3.500 m² sed oni povas pliampleksigi ĝin gis 15.000 m² kun speciala zono por parki automobilojn.*

*La prezoj por restado en ĉi-tiu unua vizkaja tendumejo, por eksterlandanoj, estas jenaj: 10,—pesetojn por persono tage, kaj ankoraŭ 12,—pesetoj por ĉiu aŭtomobilo aŭ veturilo, ĉiutage.*

*La Tendumejo funkcios, kiel dirite, ekde la 15ª de junio nunjara ĝis la 15ª de septembro, en kies dato la tendumejo estos fermata. Oni povos havi, inter aliaj akcesoraj instalaĵoj: administradan oficejon, nutraĵ-vendejon, trinkejon kaj higienajn servojn.*

*Interese por ĉiuj tendumemaj geesperantistoj estas scii ke, krom la malmultekosteco de la prezoj, ili povas facile interrilati kun hispanaj gesamideanoj, ĉar je 18 km., t. e., en BILBAO, ekzistas vigla EsperantoKlubo kun c. 190 gemembroj. La Grupejo situas en malnova kvartalo de Bilbao, str. Barrencalle Barrena n.º. 7-2.º-dekstre, telefono 24 44 92, kie la gesamideanoj kunvenas ĉiutage, escepte dimanĉojn aŭ festotagoja, ekde la 19ª h. ĝis la 22ª h. vespere.*

*La adreso por interrilati kun la ĉefoj de l'priskribita tendumejo estas: «Club Internacional de Camping», str. La Paz núm. 5, BILBAO, sed gesamideanoj povas ankaŭ peti informojn de la Bilbao 'a Esperanto-Grupo, aŭ rekte de la subskribinto.*

**L. de OTAOLA.—Bilbao**

str. Iturribide, 72-2.º-d.

(Represo ne nur permesata, sed varme deziregata k. rekomendata).

---

## NIA FOTO SUR LA KOVERTO

La 27-an de majo okazis en Sabadell la 1-a Hispana Junulara Esperanto Renkontiĝo, kiu plene sukcesis, pro la partoprenintoj, pli, malpli, 80 esperantistoj, el ili 55 gejunuloj, kaj ankaŭ pro la rezultoj, ĉar la ĉeestantaro aprobis la unuan Bazan Laborplanon de HEJS por la venontaj 4 jaroj, prezentita de la HEJS-estraro.

La foto sur la koverto montras la HEJS estraron. De maldekstre: S-roj R. Alberich, S. Llorén, Sekretario F. Parareda, Vicprezidanto A. Tomasa kaj Prezidanto S. Aragay.

## MADRIDA ESPERANTO-LICEO

Niaj samideanoj el Madrid komunikas al ni ke, de nun, sia societo ricevas la nomon: Madrida Esperanto-Liceo. Estas opinio de la madrida samideanaro, tre vigle gvidata de D-ro Arranz, ke la vorto «klubo» tro multe estas ligata al sport-societoj, dancejoj, kabaredoj, trinkejoj, k.t.p., kio ne favoras ilin; krome, la vorto «liceo» pli respegulas la agadon kaj celon de la madrida esperantistaro.

Adreso: MADRIDA ESPERANTO-LICEO. Str. Alberto Aguilera, 32, MADRID.



# DIVERSAĴOJ



*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevas libropremion. Ni akceptos solvoĵn ĝis la 20-Aŭgusto.*

## *SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 10*

HORIZONTALE

1, Banala. Vindas.—2, Virga.—3, Niveli. Ripeti.—5, Komisie.—6, Skola. Gasto.—7, Kuglego.—8, Ebona. Izoli.—9, Trejnas. 10, Mortu. Tedos.—11, Ateismo.—13, Etendi. Vintra —14, Plata.—15, Afonio. Striko.

VERTIKALE

1, Bendas. Modera.—2, Kablo.—3, Novulo. Rabeno. — 5, Kakatua. — 6, Avino. Tripo.—7, Magnete.—8, Aroki. Indaj.—9, Sternas.—10, Varbi. Movas.—11, Egoisto. —13, Dresas. Distri.—14, Talio.—15, Sciuro. Straso.

---

SENDIS KOREKTAJN SOLVOJN:

A. Tomasa, R. Albero, R. Bastardas, M. Sosvilla, A. Kirch kaj P. Naranjo.

## *ENIGMO NUM. 11*

*de J. Devis*

La solvo konsistas el 36 literoj, kiuj estas numeritaj. Ĉiu nombro signifas unu literon. Oni povas trovi la literojn pere de la ses sekvantaj ŝlosilvortoj.

29, 12, 35, 20, 8, 3, 17, = Malgranda taĉmento soldatoj.

16, 31, 30, 11, 21, 20, 46, = Granda publika konkurso.

2, 3, 4, 5, 6, 15, 13, 25, = Gustoplene distinginda.

24, 10, 18, 35, 23, 27, 28, = Bonmaniere afabla.

1, 14, 32, 21, 22. 23, 26, = Tute fordonis al...

7, 19, 34, 9, 33, = Kun ties eroj tre proksimaj unuj al aliaj

1, 36, = Zamenhofa proverbo.

---

**PARTOPRENU NIAN NACIAN KONGRESON en VALLADOLID!**

---

# Alvokoj, cirkuleroj, k. t. p., el la esperantista mondo

*Centra Dana Esperantista Ligo ĵus eldonis glumarkon por butikoj, kun jena teksto: ESPERANTO ESTAS PAROLATA». La intenco estas ke tiu glumarko troviĝu ĉie kie laboras esperantisto. Baldaŭ vi povos mendi tiujn glumarkojn ĉe nia Libroservo.*

---

*Sveda Esperanto-Instituto aranĝos ĉijare, 12-19 aŭg., prelegsemajnon en Frostavallen (Svedujo). La temaro estos:*

*UNESKO-Semajno*

*La laboro de Unesko. La Granda Projekto Oriento-Okcidento. Ĉefverkoj de la Monda Literaturo en la Internacia Lingvo.*

*Prelegos: Prof. D-ro Ivo Lapenna (Britujo), Prof. D-ro Hideo Yagi (Japanujo), D-ro S, Pragano (Nederlando), kaj S-ro Jean Thierry (Francujo)*

*Informojn kaj aliĝilojn oni petu ĉe S-ro Jan Strönne, Amiralsgatan, 36, Malmö, Svedujo.*

---

*Grava nova dokumento. Eldono de libro: «Esperanto en komerco». 105 paĝoj enhavantaj raportojn pri 80 internaciaj firmaoj kiuj uzas Esperanton en siaj komercaj rilatoj. Eldono kvinlingva de Esperanto-Rondo Crailsheim». Germanio. Prezo: gm 1'50.*

## KVITANCO

—«Comarca», de Mieres.—13-1-1962.—Informe pri E-kurso.—Cándido Cienfuegos Barberá.

—Faldfolio. Decembro 1961. — Propagando de Ekspozicio pri E. en Zaragoza.—Inés Gastón. (Ŝi sendis ankaŭ tri fotojn pri la ekspozicio.

—«Destino».— 30-12-61. — Artificialidad. (laŭ informo de la verkisto S-ro Delfí Dalmau).

—«El Guerrillero». el Til Til. (Chilio) Junio 1961.—Esperanto Kurso.

—Bulteno de «Formiga Martinense», kun artikolo pri Esperanto kaj la literaturo (januaro). Sendis S-ro F. Vilá.

—Ĵurnalo «Baleares» Gravega artikolo kaj samtempe intervjuo al D. Miguel Arbona. (23-2-62). Sendis S-ro M. Arbona.

—Ĵurnalo «Barcelona» Noto pri la artikolo verkita de S-ro J. Aragay pri la «Ciencia y el Esperanto» Sendis S-ro J. Climent. (7-3-62).

—Ĵurnalo «El Faro» Tre interesa artikolo pri la propono organizi la Hispanan Kongreson en Ceuta. (15-3-62). Antonio Rico.

—Ĵurnalo «Menorca» informo pri la kurso en «Ateneo» (Mahon) (26-3-62). Sendis. S-ro Andres Murillo.

—Ĵurnalo «Correo Ĉatalán» Interesa artikolo respondante al alia pri la neceso de internacia lingvo en la mondo. (29-3-62) Sendis. S-ro J. Climent.

—Ĵurnalo «Barcelona» Noteto pri la propono akcepti la anglan lingvon kiel internacian. Sendis S-ro J. Climent.

—La revuo «Noticias de Actualidad» Aperis letero al la Direktoro de samideano Giordano Moya pri la akcepto de Esperanto en Usono. (1-4-62). Sendis. S-ro R, Canet.

—La bulteno «Tosca» de Moya enhavas kelkajn informojn pri la Hispana Kongreso kaj la Esperanta movado en la mondo. (1-4-62) Sendis S-ro R. Molera.

—Ĵurnalo «El Correo Catalán» Alia artikolo pri Esperanto (19-4-62). Verkis kaj sendis al la Informoficejo S-ro José de la Cruz,

—Ĵurnalo «Mallorca» Noteto pri la eldonado de la nova revuo «Nova Civito» (18-4-62) Sendis S-ro M. Arbona.

—Ĵurnalo «La Voz de Asturias», Tre grava artikolo pri Esperanto kaj Zamenhof (14-4-62) Sendis S-ro Sacramento Collado.

—Ĵurnalo «El Correo Catalán» Artikolo kontraŭ Esperanto (18-3-62), Sendis S-ro J. Climent.

—En la teatra revuo «Scena» aperis interesa artikolo kaj eta informo pri Esperanto kaj Teatro, januaro-februaro 1962). Sendis S-ro S. Guell.

—La gravega revuo «Gaceta Ilustrada» En artikolo verkita de S-ro J. María Pemán traktas la problemon de kulturaj rilatoj; la verkisto, nur menciis la Latinan lingvon kaj Esperanton, marto-1962.

---

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos durante Abril y Mayo 1962)

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* | 2.490 |
| J. Ventura, Tarrasa | 40 |
| J. Iranzo, Bilbao | 40 |
| J. Frugoni, Telde | 40 |
| J. Castells, Suecia | 15 |
| J. Blasco, Sabadell | 15 |
| J. Estañ, Granada | 80 |
| M. Álamo, Valverde | 15 |
| M. Pinilla, Zaragoza | 15 |
| F. Marqueta, Zaragoza | 20 |
| F: Siibert, Zaragoza | 15 |
| M. Solá, Tarrasa | 380 |
| J. V. V., Sabadell | 40 |
| S. Mayoral, Barcelona | 28 |
| J. Marcé, Vendrell | 40 |
| L. A. Ramírez, Huete | 13 |
| A. Marco, Zaragoza | 20 |
| M. Garriga, Tarrasa | 25 |
| E. Pérez, Valencia | 40 |
| *Suma Pesetas* | 3.371 |

*1.ª Hispana Junulara Esperanto-Renkontiĝo*






PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959